21a Jaro - No 1 (215) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Januaro 1935

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

Oficiala Organo de Belga Ligo Esperantista

Poŝtĉeko de la LIGO: No 1337.67 (Wilrijck)
Por anoncoj : H. PÉTIAU, St. Lievenslaan, 60, Gento

### Post la Festoj

## Alrigardo al la nova Jaro

Okaze de la jarfino, sufiĉe grava nombro el niaj membroj mendis presaĵojn ĉe « Belga Esperanto-Instituto ». Ĉar ĉiuj ŝajnis urĝaj kaj por plifaciligi la taskon de ties presejo, same kiel tiu de la poŝto, kiu, en la lastaj tagoj de la jaro, havas vere jam tro da laboro, ni decidis presigi kaj forsendigi nian unuan numeron, nur tuj post la Festoj, kiam cetere ni povas esperi, ke niaj legantoj trovos iom pli da tempo por legi nian ĉefartikolon.

Se ni deziras, ke ĉiu legu ĝin, ne kredu, kara leganto, ke tio estas, niaflanke, signo de memfiereco.

Se ni deziras, ke ĉiu legu ĝin, estas ĉar en ĝi ni pritraktas tre seriozan problemon : nome la viveblecon de nia organo en ĝia nuna formo.

La formato restos ĉiuokaze la sama, sed ĉu la nombro de la kajeretoj aŭ la amplekso de ili restos la sama ? Jen demando, pri kiu via direktoro mem, nunmomente, ne povas respondi.

Li alrigardis jam la novvenintan jaron. Sed li staras antaŭ granda demanda signo.

Li kredas, ke regule aperinta revuo — kiun la Ligestraro dum tuta jaro sendigis ĉiumonate, kvankam la monrimedoj ne tion permesis, — rekreis inter la membraro tiun kontakton, kiu estas necesa inter ĉiuj, kiuj, en sama regiono, laboras por sama celo.

Sed post la semado de 1934, ni devus nun fari la rikolton de 1935. Kaj por tiu rikolto, ni bezonas brakojn. La rikolto ne povas putriĝi sur la kampo. Ĝi devas esti prilaborata.

Kaj tion ni nun atendas de la grupogvidantoj ; ni ne tion atendas nur de ili, ĉar same kiel Ligestraro ne povas ĉion prizorgi, ankaŭ grupestraro ne povas, sola, tion fari.

Ni faras gravan alvokon al la simplaj membroj, por ke ili, kiel eble plej baldaŭ, kaj sen peto kaj repeto de la gvidanto, repagu sian kotizon ; por ke, se ili renkontas amikojn, kiuj ne regule ĉeestas la grupajn kunvenojn, sed tamen ĝis nun, fidele, pagis sian kotizon, ili klopodu ankaŭ, en tiu ĉi nova kriza jaro, pagigi de ili la membrec-abonon.

Ni faras ankaŭ alvokon al ĉiuj, gvidantoj kaj simplaj membroj, kiuj, malgraŭ la krizo kiu regas kaj premas, povas ankoraŭ permesi al si la lukson, fari ion pli por la movado : ke ili anstataŭigu la kotizon de Fr. 30 per tiu de Fr. 100. Se ili estas izolaj membroj de Belga Ligo, ili pagu tiun sumon al la Poŝtĉekkonto de nia societo; se ili estas membroj de grupo, ili pagu al la kasisto. En ĉi tiu lasta okazo, Ligo kaj Grupo dividos inter si la aldonitan sumon, tiel ke tiu apogo profitu al la loka, kiel al la nacia movado.

Jam nun la kasisto de la Ligo ricevis kelkajn tiajn pagojn. Ni kun danko ilin notis.

Tiuj frupagoj estis por ni, kiu prizorgas samtempe la kason kaj la organon, kiel sunradio.

Kaj per ili nia alrigardo al la nova jaro iĝis iom pli gaja. Venis en ni la fido, ke, kun la kunhelpo de la « homoj kun bona volo », al kiuj ĵus, en la forpasintaj festoj, oni promesis pacon kaj feliĉon — ne nur la Ligo travivos la malfacilaĵojn ĝeneralajn, kiujn ĉiuj organismoj nun konas — pri tio ni jam nun estas certaj —, sed ke ankaŭ nia organo, kiu de la Idista Skismo, longe antaŭ la milito, regule povis aperi, retrovos, plenviva kaj forta, la feliĉajn tagojn, kies ekiĝon ni ne jam vidas klare antaŭ niaj okuloj, sed kiujn niaj animoj tamen jam firme antaŭvidas.

Maur. JAUMOTTE.

BELGA LIGO ESPERANTISTA
kaj ĝia organo
« BELGA ESPERANTISTO »
*prezentas siajn plej korajn bondezirojn por la nova jaro.*

700009-C

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## KUNVENO DE LA DIREKTANTA KOMITATO.

*Dimanĉon 3an de Februaro 1935.*

Kunsido de la Liga Direktanta Komitato okazos en Bruselo dimanĉon, 3an de Februaro 1935, je la 10a matene, en Kafejo « Le Sac », Granda Placo, 4.

La gekomitatanoj aŭ grupaj delegitoj, kiuj havas specialan temon por meti sur la tagordon, bonvolu tuj informi la Ĝeneralan Sekretarion.

Ĉiu grupo nepre sin reprezentigu ĉe tiu kunveno.

## XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso

**Bruĝo 8-9-10 Junio 1935.**

*5-a INFORMBULTENO :*

*Honora Prezidantaro :*

Tiu estas de nun starigita tiele :

S-ro Henri BAELS, Provincestro de Okcident-Flandrio, apoganta membro de B. G. E.

S-ro Victor VAN HOESTENBERGHE, Urbestro de Bruĝo.

S-ro Sylvain DERVAUX, Honora Prezidanto de B. G. E.

**Provizora Kongresprogramo.**

*SABATON, 8-an DE JUNIO 1935.*

Posttagmeze : a) Malfermo de la akceptejo en Hotelo « Cornet d'Or », placo Simon Stevin, sidejo de B. G. E.

b) Ekzamenoj pri profesora kapableco.

Vespere : a) Sur la Granda Placo : Koncerto de Esp. arioj per la fama sonorilaro de la Bruĝa Belfrido.

b) Laborkunsido de Belga Ligo Esperantista.

c) Intima kaj interkonatiĝa dancvespero.

*DIMANĈON, 9-an DE JUNIO 1935.*

Matene : Por la katolikoj : Diservo en la Baziliko de la Sankta Sango, kun prediko en Esperanto kaj elmontro de la riĉega relikvo.

Oficiala parto : a) Kunveno sur la Burga Placo por iri al la monumento de la Militmortintoj, Kartusiana strato, flordemeto.

b) Oficiala akcepto en Urbdomo, Burga Placo.

c) Fotografado sur la ŝtuparo de la Provinca Palaco, Granda Placo.

d) Kongresa kunsido — ĝenerala Kunveno de B. L. E.

e) Festeno en la salonegoj de la hotelo «Cornet d'Or ».

Posttagmeze : Kunveno de U.E.A. Belga Teritorio en salono de « Cornet d'Or ». Libervolaj promenadoj. — Konsilindaj vizitoj sub gvidado.

Vesperfesto : a) Teatra kaj muzika Festo, organizata de la Belga Fest-organiza Klubo, kun kunlaboro de la Teatra sekcio de B. G. E.

b) Grandega balo, kun plej belaj amuzaĵoj, muziko, ĝojo, amo kaj... malvarma bufedo !

*LUNDON, 10-an DE JUNIO 1935.*

Ekskurso al Knocke-Zoute. Komuna tagmanĝo ĉe samideaj hotelestroj. Marbordaj amuzaĵoj. Ebleco de revojaĝo laŭ Blankenberghe, k.t.p.

N.-B. — La L.K.K. atentigas ke tiu programo estas *provizora, proksimuma* kaj certe ankoraŭ multe *pliampleksigota*. Ĝi certigas ke NENIO mankos en tiu jubilea kongreso ; la belga kaj eĉ eksterlanda samideanaro zorgu siaflanke por ke ankaŭ manku *NENIU ! SENDU de nun vian aliĝon (15 Fr.) kaj laŭdezire donacojn (senlimajn) al P.Ĉ.K. 1119.10 de « XXIV-a Belga Kongreso de Esperanto », Bruĝo.*

*Dua listo de Kongresanoj.*

Ĉi sube ni presas la duan liston de la partoprenontoj en la kongreso de Pentekosto 1935 La nomoj estas citataj en la ordo de alveno de la kotizoj :

19. S-ro Morris de Ketelaere, Antverpeno.
20. S-ino Morris de Ketelaere, Antverpeno.
21. S-ro Albert Thooris, Bruĝo.
22. S-ro Henri Campe, Bruĝo.
23. S-ino Henri Campe, Bruĝo.
24. S-ro Jozef Campe, Bruĝo.
25. F-ino Marie-Josephine Vanden Berghe, Bruĝo.
26. F-ino Suzanne Vanden Berghe, Bruĝo.
27. F-ino Maria Sanders, Gistel.
28. F-ino Yolande Hubrecht, Bruĝo.
29. F-ino Laurentine Lescrauwaet, Bruĝo.
30. F-ino Louise Dorsinfang, Namuro.
31. F-ino J. Dorsinfang, Namuro
32. F-ino Emma Longé, Bruĝo.

---

## ATENTU!

## Bonfaremaj Membroj !

**Kiel ni jam diris, la Komitato de Belga Ligo Esperantista decidis pri starigo de kategorio de BONFAREMULOJ DE LA BELGA MOVADO, kiu, dum la kriza periodo almenaŭ, subtenos la laboron de Belga Ligo.**

**Ĉar ni nun fine atingis en la mondo la tiom deziritan kotizon UNIKAN, ni ne komplikos la aferon per la kreado de vere nova membreco.**

**Ni tamen diru, ke la Grupoj kaj la Ligestraro konsideros kiel BONFARANTOJN de nia movado, kun rajto al speciala mencio, ĉiujn, kiuj anstataŭigos la pagon de Fr. 30,— al sia grupo aŭ rekte al la Ligo, per pago de Fr. 100,—, kaj tiel do faras veran porpropagandan donacon de Fr. 70,—.**

**Tiuj, kiuj estas membroj-abonantoj de U.E.A. aŭ membroj-subtenantoj aŭ membroj kun jarlibro, do aldonos same Fr. 70,— al la sumo pagita por 1934.**

**De nun ni atendas la pagojn de niaj BONFAREMAJ MEMBROJ. Se 50 envenas, la krizo por la Belga Movado ne plu ekzistas.**

**Kiu ne deziros esti unu el tiu kvindeko?**

# LITERATURO

## Dum Kristnasktago.

Vespere la neĝo faladis senfine,
Kaj ĉion rekovris per blanka vual'.
Samtempe la vento blovegis obstine,
Trans montoj, ĝi venis, internen de val'.

Nudeco de arboj, malpleno de stratoj, —
Arbaro kaj urbo —, la tuta natur',
Plorĝemas senĉese, de post du monatoj :
« Jen estas la vintra malvarma Terur' ! »

Maljuna vagulo, penige sin trenas,
Malvarme vestita, kun febra tremad'.
Li volas antaŭen, batalas kaj penas
Sur tero glitiga. Mizera vagad' !

Li havas ne domon, ŝirmejon ne trovas.
Kaj fine li haltos : senspira alven' !
Li dormos surtere... ĉu dormi li povas...
Sed... ĉu lin vekigos, proksima maten' ?

Apude la forno, tre varme ni sidas.
Ni estas trankvilaj, ni restas sen ĝen',
En ĉambro komforta, pri fajro ni fidas,
Dum festo Kristnaska, la sankta solen'.

En ĉambro varmega, memoru gefratoj !
Pri ĉia malbono, dum tia veter' !
Aliaj gefratoj, dum vintraj monatoj,
Suferas, eĉ mortas, pro granda mizer'.

R. KIERE.

* * *

## La Ordeno de la Ora Ŝafofelo.

Kia estas ekzakte la deveno de la ordeno de la ora ŝafofelo ? La legendo kaj la historio interdisputas pri tio.

Bruĝo estis tiam la brila ĉefurbo de la dukoj de Burgundujo, kiuj, tie, havis sian kortegon. Turniroj, karuseloj kaj kavalkadoj sin intersekvis.

La duko Filipo, kiu prezidis tiujn festojn, ŝatis esti akompanata de flandraj belulinoj, kiujn li tre grandvalore taksis.

Oni pretendas ke al ĉiuj el tiuj belulinoj li depetis, kiel amgarantiaĵon, fasketon de iliaj kapharoj el kiuj li fabrikigis ĉirkaŭkolon, kiun li surhavis en multaj okazoj. Tiuj fasketoj estis blondaj, sed, la mezfasketo estis admirinda flavruĝa, kaj devenis de la kapo de Marie Van Crombrugge, nomita, kaŭze de sia beleco, la perlo de Bruĝo.

Tial ke korteganoj mokŝercis tiun belulinon pro ŝia flavruĝa hararo, por ŝin konsoli la duko Filipo diris al ŝi, ke tiuj, kiuj ridis pri tiu riĉa hararo ĝin tenos baldaŭ en granda honoro. Efektive, post malmultaj tagoj, la duko fondis la ordenon de la Ora Ŝafhararo, aŭ felo kiu estis investita nur al tute neriproĉindaj nobeloj.

Jen, la legendo, kiu estas bela. Sed, la historiistoj pli banalaj, firme asertas, ke fondante la ordenon de la ora ŝafofelo, Filipo de Burgundujo nur volis fari honoron al la lanindustrio, kiu faris la riĉecon de Flandrujo kaj ankaŭ la lian.

Post la abdiko de Karolo la V[a], la granda majstreco estis ankaŭ aljuĝita al la du linioj de la dinastio de Habsburgo, kies unua regis super la Sankta Roma Imperio kaj la alia super Hispanujo. Tiamaniere, ĝis 1918[a] estis du ordenoj de la Ora Ŝafofelo, unu por la legendo, alia por la historio.

Sed, depost 1918[a], la sola Granda Majstro de tiu ordeno estis la reĝo, nun eksreĝo de Hispanujo, kiu rajtas porti ĝian kostumon, ruĝveluran robon subŝtofigitan per blanka tafto ; purpuran mantelon broditan per oro, kaj li portas la ĉirkaŭkolon de la ordeno, pendigitan per malhelruĝa rubando.

Je la morto de ĉiu kavaliro de la reĝa ordeno, ties valora ĉirkaŭkolo devas esti resendata al la Granda Majstro.

Nur unu mankas depost ĝia fondaĵo ; estas tiu de la Caro Nikolao la dua, kiun la registaro de la Sovet-Unio neniam redonis, ne pro amo al la bela legendo, sed ĉar la ĉirkaŭkolo estas en oro, ornamita per diamantoj.

J. G-V. S.

## Humoraj Respondoj kaj Rimarkoj de Infanoj.

EN LA LERNEJO.

— Kaj nun, Bob, ĉu vi scias, kiu besto donas al ni la ŝinkon?

BOB *(post longa pripensado)*. — La porkaĵisto.

DUM LA KALKULLECIONO.

Joĉjo ricevas sian unuan lecionon de kalkulo de nova profesoro, kiu metas makulitan fingron sub ciferon :

— Kio estas tio? li demandas.

— Sinjoro, tio estas malpura fingro, diras Joĉjo.

ARITMETIKO KAJ MALAVARECO!

La profesoro de aritmetiko al unu el la lernantoj :

— De 6 dekalkulu 3?

— Sinjoro, mi ne scias...

— Tamen... vi havas 6 pomojn, mi vin petas 3 el ili, kiom da pomoj konservas vi?

— Mi konservas 6.

— Tute ne, mi jam petis 3 pomojn de vi!

— Jes, sed mi, mi ne donis ilin al vi!

LA HISTORIO.

— Vi, Teodoro, kie estis subskribita la kontrakto de Münster?

— M... Malsupre de la paĝo, sinjoro!

ĈIUTAGA BONA AGO.

— Ĉu vi faras ĉiutage bonan agon, mia infano?

— O, certe, sinjorino. Ekzemple hieraŭ mi iris al mia onklino sur la kamparo, ŝi estis tre kontenta! Hodiaŭ mi revenis hejmen. Ŝi estis ankoraŭ pli kontenta...

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo "La Verda Stelo".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h.: leciono de la perfektiga kurso; je 21 h.: kunsido laŭ indikita programo.

La 5an de Januaro: Vizito al la Pulĉinela Kelo. Kunvenloko « Witte Leeuw ».

La 10an (ĵaŭdon), je la 20a horo, en la lernejo, Belgiëlei, malfermo de nova kurso, gvidota de S-ro Vermuyten.

La 12an: antaŭlegado de S-ro Van Dijck.

La 19an: Kabaredvespero, kun konkurso pri la plej originala kaj la plej bela lumigiloj. La alporto de lumigilo estas deviga.

La 26an: Ĝenerala Jara Kunveno, kun disdono de medaloj al la jubileantoj.

La 27an: je la 17a horo en « Roi Albert », Stacidomplaco. La prezo estas Fr. 20 (sen trinkaĵo; trinkmono enkalkulata).

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **"Bruĝa Grupo Esperantista", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

La 8an: Unua kunveno de la jaro. Vizito de Ges-roj P. Kempeneers el Bruselo, en la grupa sidejo « Cornet d'Or ».

Je la 18.30a: komuna vespermanĝo. Je la 19,30a: Priparolado de D-ro Paul Kempeneers, Prezidanto de B.L.E., pri « Svedujo », kun 250 lumbildoj.

La 15-an: a) Komenco de kurso por progresintoj sub gvidado de F-ino Y. Thooris. b) Intima interparolado. Prez F-ino M. J. Vanden Berghe.

La 22an: a) Dua leciono de la kurso por progresintoj, sub gvidado d F-ino Y. Thooris. b) Humoraĵoj. Prez. S-ro G. E. Guillaume.

La 29an: Kantvespero, kun la kunlaboro de S-ino Ch. Poupeye, F-ino A. Boereboom kaj S-ro G. Groothaert.

N. B. a) La grupa biblioteko estas malfermata en la grupa sidejo: Hotelo « Cornet d'Or », ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj: S-roj Ch. kaj J. Decoster. — b) Tie ankaŭ je la samaj tago kaj horo vendado kaj mendado de esperantaĵoj, libroj, paperoj, kovertoj, p. K., k.t.p. — c) Kurso por progresintoj: Tiu kurso, ĉi supre anoncata, konsistas el pliampleksigo de la elementaj « 10 lecionoj » kaj celos pliperfektigon en kaj praktikan uzon de la lingvo. Ĝi daŭros proksimume ĝis la printempo, estos gvidata de F-ino Y. Thooris, kaj okazos dum la unua horo de ĉiu grupa kunveno, krom en okazo de kunveno kun eksterordinara programo. La kutimaj « samideanaj Prediketoj » provizore ne plu okazos dum la daŭro de tiu kurso. Proponoj pri ekzameno « simpla kapablеco » kaj pri eksperimentaj provlecionoj de kandidatoj al « profesora kapableco » estas pristudataj.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista »** — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7a vespere.

LIEĜO. — **« Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto ».**

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo "La Verda Stelo".** — Post la agrabla intima vespero de la 1-a de Decembro, S-ino Van der Veken-Van Bockel faris, la 8an, tre belan kaj bone sukcesintan paroladon pri « Lehar », kiun ŝi, dank' al la helpo de S-ro Faes, kiu alportis la necesaĵon, povis klarigi plej taŭge per kelkaj gramofondiskoj, kun la sukcesarioj de tiu komponisto. S-ro Jaumotte, kiu ŝin prezentis kaj memorigis pri la servoj, jam faritaj en la grupo, de S-ino Van der Veken-Van Bockel, ankaŭ dankis ŝin plej kore.

La Zamenhof-festo de la 15a plej bone sukcesis. Preskaŭ okdek gemembroj ĉeestis. S-ro De Ketelaere paroladis pri nia Majstro kaj akiris belan sukceson, same kiel S-roj Vermuyten kaj Ameryckx, kiuj deklamis kaj kantis, dum S-ino L. Faes-Janssens, ĉe la piano akompanadis. La prezidanto tiam bonvenigis la gelernintojn de la kurso de S-ro L. De Hondt, kiun li speciale gratulis pro la escepte notindaj rezultatoj; rezultatoj teknikaj kaj ankaŭ propagandaj. Preskaŭ ĉiuj gelernantoj jam regule vizitadas la grupon. Fine S-ro Faes legis la palmareson : *Akiris la diplomon kun plej granda merito:* S-ro G. Verniers, F-ino M. Verniers, S-ro L. Hendrickx: *kun granda merito:* S-roj Van Rijssel, M., Broeckhoven, J., F-inoj Timmermans, L., Dezeure, L.; *kun merito:* S-ro Rottiers, J.; *kun sukceso:* S-ro Voogd, H. kaj F-ino Smout, M. En la plej agrabla atmosfero, intima dancado konkludis tiun tre gajan feston.

La 22an okazis Kristnaskfesto por la membroj kaj pri ĝi ne necesas raporto — ĝi bonege sukcesis... ankaŭ laŭ kasa vidpunkto; kaj la postan tagon proksimume 30 infanoj de la membroj estis akceptataj kaj, dank'al belaj donacoj kaj ĉarma prizorgado de S-inoj Schoofs, Van der Veken, Jaumotte, Faes kaj S-roj W. kaj H. De Schutter tiu festo belege sukcesis. Ni citu speciale tiun ĉi lastan, ĉar S-ro Herman De Schutter zorgis por tuta programo — rakontoj kaj kinematografaj filmoj — je l'honoro de niaj etuloj. Post intima « five o'clock » niaj geknaboj ricevis donacon kaj dolĉaĵon kaj ankoraŭ daŭre sin amuzis per societaj ludoj. Iniciativo, kium la estraro tre certe ne bedaŭras.

Konkurso per la Lexicon-ludo agrabligis la lastan kunsidon de la jaro.

**BRUĜO. — "Bruĝa Grupo Esperantista", Reĝa Societo.** — Mardon 6an de Novembro: legado kaj klarigado de B.E., sub la gvidado de S-ro Ch. Poupeye. La ĉeestantoj finis la vesperon portretludante laŭ angla maniero.

Dum la kunveno de la 13a, kelkaj ĉeestantoj montris diversajn lertegaĵojn, speciale distingiĝis laŭvice: S-ro Poupeye, S-ro Groothaert, F-ino Thooris kaj S-ro De Bel.

Dum la kunveno de la 20a, S-ro Sylvain Dervaux, ĝisnuna honora vicprezidanto estis elektata kiel Honora Prezidanto de la grupo, anstataŭe de la karmemora S-ro A. J. **Witteryck.**

F-ino C. Leibbrandt, profesorino en la Bruĝa Banejo faris interesplenan priparoladon « Ni naĝu », ŝi estis varme aplaŭdata kaj ricevis afablan donacon de S-ro Groverman.

La 27an, ne povis okazi la ĉiumonata kanta vespero, pro nedisponebleco de la sideja salonego en « Cornet d'Or ». Post la ĉiusemajna prediketo farita de F-ino Thooris, la elektita kunvenprezidantino, F-ino A. Boereboom, proponis intiman

interbabiladon; laŭ lotumo la samideanoj agrable duope parolis kaj ŝanĝis de kunparolanto ĉiun kvaronhoron.

La 4an de Decembro, S-ro Groverman estis elektita por anstataŭi S-ron Poupeye, malhelpatan, kiel kunvenprezidanton. La deĵoranta prezidanto faris la « prediketon » temante pri « Mokado ». Poste okazis la legado de « Belga Esperantisto ».

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — *La Jara Festo.* — Sabaton la 22an de Decembro, jam antaŭ la fiksita horo, la salono de « Le Sac » estas plena kaj ĉiuj preparitaj tabloj kaj seĝoj estas okupitaj, pliajn oni devas alporti.

La festdirektoro, S-ro Swinne, zorgas pri ĉiuj detaloj, eĉ la plej etaj. Ĉu tie ĉi ni tuj gratulu lin? Ne. Pli bone estas, ke ni daŭrigu nian raporton.

D-ro Van der Biest, prezidanto, jam okupas sian postenon ĉe tablo kovrita per verda tapiŝo. Lin ĉirkaŭas F-inoj Jennen kaj Obozinski kaj S-ro Lavisse. Akurate, la prezidanto malfermas la feston kaj tuj, pianistino aŭdigas plurajn belajn muzikaĵojn. Dum tiu tempo, vigle funkcias la gefratoj La Haye (du fratinoj kaj unu frato), kiuj vendas la biletojn de la loterio organizita de ili mem. Ili kunigis ĉirkaŭ 300 belajn lotaĵojn el kiuj pli ol la duono donacitaj de ili ankaŭ. Plie la aĉetantoj ricevas premie rajtigilon por ricevi paketon da « Bombonoj Swinne », malavare donacitaj de la festdirektoro. Tiam sekvas parolado de la prezidanto; kiu okazas franclingve pro la neesperantistaj invititoj. En bonhumora maniero, D-ro Van der Biest, promesas, ke lia parolado estos mallonga. Ĝi estos speco de purgatorio, kiun la ĉeestantaro devas trapasi antaŭ ol ĝui la ĉielajn agrablaĵojn de la programo. Li parolas precipe je la intenco de la neesperantistoj, montrante al ili la nediskuteblan utilecon de Esperanto en ĉiuj rilatoj de la vivo; fine, li esprimas la esperon, ke multaj personoj lernos nian lingvon, kiuj ĝis nun hezitis.

Post tiu spritoplena paroladeto okazas la disdono de la diplomoj al la lernantinoj de la kurso de S-ro Lavisse. La prezidanto gratulas la fraŭlinojn pro la bela rezultato de ilia ekzameno kaj la profesoron pro lia sindonemo en la gvidado de la kursoj.

Nun eksonoras « La Espero », kantata de la staranta ĉeestantaro. Sekvas artodancoj kaj kantoj realigataj de la grupo « Les Anciennes 2 de St Gilles ». La junaj dancantinoj estas lernantinoj de S-ino Aslinger. Ili prezentas sinsekve: Japanan kaj rusan dancojn. Poste: tango'n. Ĉe la piano, S-ino Massonet akompanas kaj pluraj dancoj ankaŭ estas agrabligataj per kanto de F-ino M. Pauwels de kiu, oni ne scias kion pli admiri, ĉu la klaran voĉon, ĉu la muzikan talenton. Cetere, ŝi ankaŭ kantas plurajn Esperantajn kantojn, ĉiam akompanata de S-ino Massonet. Kaj la danclernantinoj de S-ino Aslinger reokupas la lokon. Ni admiras inter aliaj: « Rumba » kaj « En Bordée », kiuj provokas tondron da aplaŭdoj kaj eĉ peton de « bis ». Tiuj signoj de kontenteco sufiĉas por klarigi la opinion de la rigardantoj pri la talento de la junaj korifeoj.

Sen interakto, sekvas alia arta prezentado. S-ino Elly Staes malkovras antaŭ ni belan talenton de opero-kantistino per tri kantoj. F-ino De Hoy eldiras tiam komikan monologon en kiu ŝi, plej amuze, montriĝas sub la aspekto de stranga anglino. Tio ĉi senbridigas la sincerajn ridojn de la ĉeestantaro. Bela sukceso de Fino De Hoy

Nun estas la vico de S-ro Swinne, kiu, en kunlaborado kun S-ro Adamski, elverkis satiran revueton en kiu pluraj gegrupanoj estas lerte karikaturitaj. S-ro Swinne disvolvigas la strofojn kaj la ĉeestantaro vigle kantas la rekantaĵon.

Estas en tiu gajga atmosfero, ke oni atingas la momenton de la loterio. Dum oni ĝin preparas, la prezidanto profitas la okazon por direkti varmajn gratulojn kaj dankojn al ĉiuj kunlaborantoj en nia festo kaj ankaŭ al F-ino Jennen, al kiu ni dankas la partoprenon de la « Anciennes 2 de St Gilles »; fine, sed pli speciale al S-ro Swinne, la organizinto kaj direktoro de la festo. Dank'al liaj lerteco, talento, bonhumoro, k.t.p. la sukceso de la vespero multe superis ĉion, kion oni kuraĝis esperi.

Nun la loterio. La lotumado estas farita de la junuloj La Haye kaj Alofs. Kvankam rapide kondukata de la prezidanto, ĝi necesigas pli ol duonan horon. Estas noteble ke la grupo de la « Anciennes 2 de St Gilles » estas eksterordinare favorata de la ŝanĉo. Kompreneble, ĉiu konsentas ke tion, ili meritis.

Fine: balo, kiu akiris la sukceson, kiun vi povas imagi kaj multaj devis rehejmeniri ĉu piede, ĉu taksimetre, ĉar jam delonge la tramoj kaj aŭtobusoj ne plu deĵoris. — KARLO.

# 27-A UNIVERSALA KONGRESO

## El la unua oficiala komuniko.

1. *Patronado.* — Jam la potenca Asocio « Touring Club Italiano » bonvolis akcepti eniri la Patronadan Komitaton. Tiu granda Asocio estas jam simpatie konata inter la tutmondaj esperantistoj pro la belega traduko de la Gvidlibro *Milano kaj Lagoj de Lombardio.*

2. *Loka Kongresa Komitato.* — Tial ke, krom la ĉefaj Kongresaranĝoj en Romo, okazos ankaŭ aliaj gravaj Kongresaranĝoj en pluraj urboj, kaj la tuta organizo (Universala Kongreso, Somera Universitato, Kongresa Krozado al Afriko; havos nacian amplekson, la L.K.K. konsistos el la Direkta Komitato de Itala Esperanto-Federacio mem, plus aliaj membroj el la Nacia Komitato de Itala Esperanto-Federacio kaj el la ĉefa Kongresurbo, Romo.

Jen la listo de L.K.K.-anoj:

Prezidanto: Generalo Markizo Carlo Cordero di Montezemolo, Prezidanto de I.E.F.

Vic-Prezidanto: D-ro Prof. Giorgio Canuto, V. Prez. de I.E.F.

Administra Direktoro: D-ro Inĝ. R. Orengo.

Sekretariino: Paola Mellina.

Membroj: Geom. F. Bodini, Libt. A. Clavenna, Prof. G. Facchi, Libt. E. Filippi, Prof. F. Fresco, Prof. C. Grazzini, Prof. St. La Colla, D-ro Prof. B. Migliorini, D-ro E. Migliorini, S-ro L. Minnaja, D-ro Prof. V. Musella (blinduloj), Libt. P. Pace.

3. *Organiza Oficejo.* — Estos Organiza Oficejo de la 27a: « Esperanto-Centro Itala », sidejo de I.E.F. kaj centro de la Itala Esperanto-movado.

Ĉiun korespondaĵon, dokumenton, kaj monsendon koncernantan la Kongreson bonvolu adresi nur al:

« ESPERANTO-CENTRO ITALA ». — Galleria Vittorio Emanuele 92, MILANO (Italio).

Ne utile skribi al Romo pri Kongresaferoj.

Telegramadreso: « Esperanto », Galleria 92, Milano.

Poŝtĉeka Konto: Esperanto-Centro Itala, Milano, N. 3. 18715.

4. *Kotizoj.* — Baza kotizo por aliĝo: Liroj 100.—. Estas konsentitaj favorkotizoj por familianoj kaj junuloj, detale

montritaj en la aliĝilo. Granda rabato por fruaj aliĝoj, maks. 30 %.

La kotizo de Helpkrongresano ne rajtigas je rabatoj kaj estas Liroj 40.— senescepte.

5. *Donacoj.* — Danke oni akceptas eĉ malgrandajn donacojn por la Kongresa Kaso; same por la Blindula Kaso, ĉar laŭtradicie la Blinduloj rajtos aliĝi al la Kongreso senpage, kaj nur per la malavaraj donacoj oni povos kovri la koncernajn kostojn.

6. *Rajtoj de la Kongresano.* — Ĉiu kongresano rajtos partopreni la kunsidojn de la Kongreso kaj la prelegojn de la Somera Universitato, ĉiujn oficialajn akceptojn, festojn de la Kongreso, kaj similajn aranĝojn.

Ĉiu Kongresano, krome, ricevos *tre grandajn rabatojn ĉe la turismaj aranĝoj de la organiza oficejo* « *Esperanto-Centro Itala* » okaze de la kongreso mem. Partoprenante — kiel la plej multaj Kongresanoj certe faros — la turisman vojaĝon « *Tra Italio* » kaj ankaŭ la *Kongresan Krozadon*, per la rabatoj la Kongresano *repagos al si proksimume tri kvaronojn* de la Kongresa Kotizo de frupaginto!

Sed tiom altaj rabatoj *validos nur ĝis la fino de Januaro 1935*. Grandega estas do la persona profito en okazo de frua aliĝo!

Ĉiu Kongresano ricevos la oficialajn raportojn de U.E.A. kaj de aliaj oficialaj Institucioj de nia movado; li ricevos, krome, urboplanojn kaj gvidlibretojn de la L.K.K., por plene ĝui kaj profiti la vojaĝon en Italio.

Inter la aliĝintoj ĝis la fino de Januaro 1935, estos lotumataj allogaj premioj: turismaj vojaĝoj kaj valoraj verkoj el la itala literaturo.

7. *Datoj de la Kongreso.* — Jen la ĉefaj tagoj de la Kongresaj aranĝoj:

En Firenze: 3 aŭg. 1935, malfermo de la *Somera Universitato.*

En Roma: 5 aŭg. 1935, *Solena Malfermo de la kongreso.*

En Roma: 7 aŭg. 1935, ĉefaj kaj fakaj kunsidoj, Internacia Balo.

En Napoli: 8 aŭg. 1935, *Granda Kongresa Ekskurso.*

En Napoli: 10 aŭg. 1935, *Fermo de la Kongreso.* Komence de la Kongresa Krozado al Afriko

En Genova: 17 aŭg. 1935, fino de la Kongresa Krozado. *Fermo de la Somera Universitato.*

Oni povas diri ke la unua semajno (Firenze-Roma-Napoli) enhavos la ĉefajn Kongreslaborojn, kaj ke la dua semajno, de vendredo 9 al sabato 17, enhavos la plej interesajn prelegojn de la Somera Universitato (sur la ŝipo de la Kongresa Krozado) kaj la plej interesajn partojn de la granda turisma vojaĝo al Italio, ĝis la malproksimega Sudo, ĝis la blanka Afriko.

8. *Sidejo de la Kongreso.* — La oficiala sidejo de la Kongreso estos en *Romo*. Sed la tuto de la Kongresaj aranĝoj disvolviĝos sinsekve en: *Firenze* (1 t.), *Romo* (4 t.), *Napoli* (3 t.), *Mediteranea Maro* (Kongresa Krozado « Al Afriko », 7 t.), *Genova* (1 t.). Tiamaniere, la densa, deviga plurtaga Kongresa laboro-programo, permesos, anstataŭ malhelpi, la *eluzadon de la libertempo* por viziti la tutan landon.

9. *Somera Universitato.* — Ĝian organizon afable prezidos D-ro Prof-ro Bruno *Migliorini* de la Universitato de Fribourg, Vic-Prezidanto de la E. Akademio. Ĝia ĉefa celo estos plivalorigi laŭ kultura vidpunkto la vojaĝon al Italujo kaj al Afriko.

10. *Kongresa Krozado.* — Ripoza vojaĝo per granda ŝipo sub Esperanta flago, en la blua Mediteranea Maro: de Napoli al Siracusa (Sicilio), Insulo Malta, Tripoli en Afriko, Palermo (Sicilio), Insulo Elba, Genova.

*Ne nur simpla, ordinara postkongresa ekskurso, sed parto de la Kongreso mem*, kaj ĉefa sidejo de la Somera Universitato estos la Kongresa Krozado. Per ĝi, unuafoje, Universala Esperanto-Kongreso tuŝos la Afrikan teron. Ĝi mirinde kompletigos la viziton al Italujo, montrante plej bone la faman, admirindan Sicilion, kaj la junan italan Kolonion en Afriko, la ravan pejzaĝon araban, la rondojn de la grandega dezerto mem. Ĝi estos, krome, impona kaj alloga, unika propaganda vojaĝo.

Ĝia fino en Genova ebligos tie inde kaj solene fermi la Kongrestagojn.

11. *Fakaj Kunsidoj.* — Specialan atenton oni dediĉos al la fakaj kunsidoj je teknika karaktero, kiuj akcentos la praktikan aplikadon de Esperanto en la diversaj branĉoj. Por ĉiu grava fako estos petata aparta aliĝo de koncernantaj Institucioj kaj Entreprenoj. — Oni bonvolu kontakti kun la Organiza Oficejo.

12. *Turismaj aranĝoj. — Grava novaĵo de la Romo Kongreso estos, ke la gesamideanoj havos la eblecon ŝpari monon kaj samtempe vojaĝi tre komforte sen ekstera helpo, sed simple per U.E.A.-Turisma servo.*

La L.K.K. ricevis plenan komision de U.E.A.-Turisma Servo, ĉion organizi sub ĝia kontrolo; kaj tio prezentos kredeble al ĉiu samideano eĉ plej postulema sufiĉan garantion de seriozeco.

Aparte estas jam donataj la ĉefaj informoj kaj la ĉefaj kotizoj, por la turismaj aranĝoj.

13. *Fervojaj rabatoj.* — La Kongresanoj povos certe profiti la *efektivan rabaton* je 50 %, kaj specialaj favorkondiĉoj por la vojaĝoj en Italujo estos laŭeble havigataj. La plej konsilinda kaj malmultekosta rimedo por vojaĝi malkare kaj plene ĝui la vojaĝon estos tamen simple aliĝi — *kiel eble plej frue* — al la turismaj aranĝoj de UEA-Turisma Servo okaze de la Kongreso. Oni sin turnu al la « Esperanto-Centro Itala » en Milano, Gallerio Vittorio Emanuele, 92.

14. *Loĝejo kaj manĝoj.* — La mezaj oficialaj prezoj por hoteloj iom varias de urbo al urbo, ankaŭ pro la iom malsamaj lokaj impostoj. Bona komforta ĉambro en konvena hotelo duaklasa kostas 8-14 lirojn; en unuaranga, 20 lirojn; en luksa, 30 lirojn, aŭ iom pli multe. Ĉiuj diritaj prezoj por ĉambroj sen aparta banejo kaj sen matenmanĝo.

Plena matenmanĝo kostas meze 4 lirojn; tagmanĝo aŭ vespermanĝo kostas, laŭ lokoj, de 7 ĝis 15 lirojn. Por 10 liroj oni povas ricevi kontentigan plenan manĝon.

15. *Ĝenerala programo.* — Estas publikigata ĝenerala programo koncernanta samtempe kaj la Kongresajn detalojn, kaj tiujn de la turisma aranĝo de U.E.A.-Turismo Servo, kunligita kun la Kongreso mem: en ĝi estas la detaloj de la Somera Universitato kaj de la Kongresa Krozado. La Ĝen. Programo estas detala, sed *provizora*.

Kompreneble, la Kongresan programon povos tre bone sekvi ankaŭ la gesamideanoj, kiuj preferos vojaĝi izole kaj sendepende de la turisma aranĝo de la L.K.K.

16. *Libervolaj ekskursoj.* — Estas en preparo multaj libervolaj ekskursoj en kunligo kun la Kongreso.

# La jubileo Rollet de l'Isle

Sekve al nia artikolo pri la jubileo de la Prezidanto de nia Esp.-Akademio, ni ricevis, jenan poŝtkarton :

ESPERANTISTA
AKADEMIO

ROLLET DE L'ISLE
Prezidanto
35, R. du Sommerard
PARIS-V[e]

Parizo, la 1-an de Dec. '34

*Kara Samideano,*

*Mi tutkore dankas vin pro viaj afablaj gratuloj, kiujn mi ĵus legis en via gazeto.*

*Kun miaj dankoj, mi deziras esprimi al vi mian admiron por la nelacigebla laboremo de la belgaj esperantistoj, kiun ne malfortigis la terura bato ricevita la lastan jaron.*

*Ekzemplo imitinda de ĉiuj esperantistoj !*

*Rollet de l'Isle.*

---

## PROBLEMOJ.

De diversaj flankoj oni demandis al ni organizi malgrandajn konkursojn kaj doni problemojn, ekz. krucvortojn. Ni volonte kontentigas niajn membrojn tiurilate.

### 1. KRUCVORTO.

Ĉar ni tamen ne scias kiun sukceson la membraro ĝenerale faros al tiu ĉi iniciativo kaj por ne pligrandigi la ŝarĝon de la presado, ni ne fabrikigis specialan kliŝon por tiu ĉi unua krucvorta problemo. La membroj mem bonvolos desegni kvadrataron de 10 kvadratoj horizontale kaj vertikale. En ĝi, ili metu la ciferojn laŭ suba maniero. Kie ni metis O, ili nenion metu, kie ni metis nigran signeton, il nigrigu la kvadraton, ĉar en ĝi oni ne devos antaŭvidi literon.

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 0 | 8 | 9 |
| 10 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | 11 | 0 |
| 12 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 0 | 13 | ■ | 0 |
| 14 | 0 | 0 | ■ | 0 | ■ | 15 | 0 | 0 | 0 |
| 16 | 0 | ■ | 17 | 0 | 18 | 0 | 0 | ■ | 0 |
| 19 | 0 | 20 | 0 | 0 | 0 | 0 | ■ | 21 | 0 |
| 22 | 0 | 0 | ■ | 23 | 0 | ■ | 24 | 0 | 0 |
| 25 | 0 | ■ | ■ | 26 | 0 | 27 | 0 | ■ | 0 |
| 0 | ■ | 28 | 29 | ■ | ■ | 30 | 0 | 31 | ■ |
| 32 | 0 | 0 | 0 | ■ | 33 | 0 | 0 | 0 | ■ |

Por tiuj, kiuj ne jam solvis krucvorton en nacia lingvo, ni diru, ke la ciferoj rilatas al vorto, kiu havas tiom da literoj, kiom estas da sinssekvantaj liberaj kvadratetoj. Ekz. 1. rilatas al vorto deklitera ĉu horizontale ĉu vertikale; 2. al vorto 8-litera vertikale; 10. al vorto 7-litera horizontale, k.t.p. En la kalkulo de la literoj de la diversaj vortoj, oni ne aldonis la o, a, e, finaĵoj de la substantivoj, adjektivoj kaj adverboj.

Jen nun la difinoj :

HORIZONTALE : 1. De Londono al Waŝingtono en kvin minutoj ; 10. Malsano de la okulnervo ; 11. Muziknoto ; 12. Ĝi varmiĝas ; 14. Muzikinstrumento ; 15. Fiŝo ; 16. Pronomo ; 17. Sur maro, dum malbona vetero ; 19. Politikisto ĝin timas aŭ deziras ; 21. Finaĵo ; 22. Relegia ceremonio ; 23. Ĉiu, kiu manlaboras iun bezonas ; 24. Birdo ; 25. Finaĵo ; 26. Supreniras kaj malsupreniras ; 28. Hontigis la mallaŭdantojn de fama navigantо ; 30. Kreskaĵo ; 32. Frukto ; 33. Birdo.

VERTIKALE : 1. Ilia graveco en strategio pli kaj pli malgrandiĝas ; 2. Kreskaĵo ; 3. Supo ; 4. Unua Di-verkaĵo... ; 5. Maristo ĝin nepre bezonas ; 6. Besto ; 7. Anstataŭante la 2-an kaj 6-an literon, oni havas teretendaĵon ; 8. Greka vorteto, kiun oni uzas por la kunmetado de internaciaj kaj ankaŭ kelkaj esperantaj vortoj ; 9. La fajrogardisto multajn havas ; 13. Akvetendaĵo ; 17. Cifero ; 18. Floro ; 20. Sufikso ; 21. Pro kio multaj faras malbonaĵojn ; 24. La kartludamantoj ĝin ŝatas ; 27. La suno en somero leviĝas ; 28. Cifero ; 29. Komencliteroj de konata simbolo ; 31. Trinkaĵo.

### 2. AKROSTIKAJO.

Antaŭ ĉiu el la sekvantaj vortoj, metu unu literon, por formi aliajn vortojn. La aldonitaj literoj, akrostike legataj donos faman historian frazon : ago — bato — leki — tero — aŭ — vidi — de — en — bono — kolo — inko — akso — ano — pro — arto — igi — lasta — aro — rido — esti — velo — ino — tenti — akto — pistolo — aŭdi — iam — li — rano — odo — rava — resti — sono — isto — relo — ado.

### 3. VORTOJ KVADRATAJ.

Agi — dolĉan senton — radiko de cirklaĵo — kiu meritas.

**La respondojn oni ensendu antaŭ la 1-a de Februaro. Belaj premioj estos donacataj.**

---

## GRAVA

**En tiu ĉi numero ni kontentigis kelkajn dezirojn esprimitajn de niaj membroj. Ni daŭrigos sur tiu ĉi vojo. Ni pro tio tamen devas denove prokrasti kelkajn rubrikojn.**

## Por la jam diplomitaj profesoroj.

**« Belga Esperanto-Instituto » ĵus fabrikigis specialan stelinsigneton, kunmetitan el la Esperanto-stelo, ornamita per du oraj palmetoj.**

**Tiu ĉi insigno estos speciale rezervata al la profesoroj, kiuj akiris la oficialan diplomon pri profesora kapableco de « Belga Ligo Esperantista ». ,**

**Ĉiuj, kiuj posedas la diplomon mendu tiun insignon al « Belga Esperanto-Instituto », Willemsstrato, 21, Antverpeno, (ĝi kostas Fr. 5,—) kaj portu ĝin. Tio instigos la aliajn grupajn profesorojn, kiuj tre certe kapablas akiri la diplomon, sed hezitas antaŭ ekzameno, tamen sin enskribi kaj tiel pligrandigi la taĉmenton de tiuj laborantoj pri kiuj ni al la granda ne-esperanta publiko oficiale rajtas aserti, ke ili estas kompetentaj profesoroj de nia kara lingvo.**



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.